Hamburg Esperanto



3/1996

Junio/Julio

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.

Esperanto

Alle warten auf Europa - wir sind schon da

# Festo de Eŭropanoj en Hamburg

**De la 30a de Aprilo ĝis la 5a de Majo 1996 en diversaj lokoj en la urbo okazis ekspozicioj, politikaj prelegoj kaj diskutoj, kulturaj prezentaĵoj, turisma varbado kaj sinprezento de diversaj Eŭropaj landoj.** La Hamburga Landa Ligo de GEA dum du tagoj semajnfine partoprenis per informstando antaŭ la urbodomo. La loko, iom flanke de la placo, ne estis tre favora, sed tiun sorton ankaŭ havis la politikaj partioj, kiuj staris apud la Esperanto-stando.

Daŭrigo sur paĝo 2

## Enhavo



## Editoraĵoj

**Esperanto Hamburg**
**Eldonanto**: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Straße 95, D - 20535 Hamburg
✆ (040) 2 50 30 65
*Postbank Hamburg (BLZ 200 100 20)*
*Kto. 173 22 - 207*
**Ĉefredaktoro**: *Benno Klehr, Oelkersallee 31, D - 22769 Hamburg, ✆ (040) 43 51 97*
**Grafika koncepto**: *Gerd Tigges, 21029 Hamburg*
**Aranĝo kaj produktado**: *Benno Klehr*

**Redaktofino de n-ro 4/1996:**
**13 - 7 - 96**

## Sentenco

**Fariĝi maljuna**
**estas graco de Dio**
**— resti juna**
**estas arto de vivo.**

*NN*

## Karaj legantoj

Tiu ĉi eldono de ***Esperanto Hamburg*** konsistas el nur unu folio.
Bedaŭrinde mi ne ricevis aktualajn artikolojn de Hamburgaj klubanoj, kiujn mi povus publikigi. Bonvolu konsideri, karaj membroj, ke la amplekso kaj la enhavo de nia informilo ankaŭ dependas de Vi!

BK

***Daŭrigo de p. 1***

Por ni Esperanto-amikoj estis tamen bona signo, ke ni troviĝis inter la "seriozaj" partioj kaj ne inter kolbaso-rostantoj kaj bier-vendistoj. Jam en letero de la Senata Oficejo aperis la nomo de **GEA** en unu frazo kun la politikaj partioj – do ni estis traktataj same serioze.
Bedaŭrinde pluva kaj vente malvarma vetero ne tre multajn homojn venigis al nia stando, nek al tiuj de niaj najbaroj. Ŝajne la kolbasoj estis pli allogaj...
Tamen ni taksas la partoprenon en tia okazo grava por atingi la publikon per ripetita ĉeestado, per kio Esperanto fariĝu al la publiko ne plu io ekzotika.

Benno Klehr

## Denove akvo!

Antaŭ kelkaj monatoj akvo fluis tra nia tegmento — nun ĝi venas de la tero! Tra la muro akvo penetras el la ĝardeno en la kluban salonon kaj malsekigas la tapiŝon. Do necesas fosi ĉe la muro ekstere por povi ĝin izoli kontraŭ akvo. Tio certe kostos denove multan monon!
Bedaŭrinde ni denove devas peti pri mon-donacoj por tiu riparado.
**Bonvolu, karaj membroj, ĝiru al la konto de HES.**

Benno Klehr

# NIA PROGRAMO 3/96

Klubejo malfermita Ĵaŭde ekde 18:30. *Manĝoj*: 19:00 - 19:30. *Programo*: 20:00. *GIS*: laŭbezone; informoj: Tel. (0 40) 58 71 82 aŭ 7 38 45 08. *Paroliga Rondo*: Ĉiun Mardon 19:15.

Klubhaus donnerstags ab 18:30 geöffnet. *Essen*: 19:00 - 19:30. *Programm*: 20:00. *GIS*: Zusammenkünfte nach Bedarf; Auskunft: Tel (0 40)58 71 82 oder 7 38 45 08. *Paroliga Rondo*: Dienstags 19:15.

## JUNIO

**1-2 Seminario: Komputoroj kaj Esperanto**
gvidas: *Frank Merla*

**6** *Hannelore Brunow:* **Klasika Muziko**

**13 El la kofro de Ellen**
historiaj diapozitivoj

**20 Ĉinio en video**
(de *Roman Dobrzyński)*

**27 I.** *Wolfgang Löbel:* **Raporto pri Mielno**
**II.** *Werner Bormann:* **La-Chaux-de-Fonds**

## JULIO

**4** sen speciala programo

**11** sen speciala programo

**18** sen speciala programo

**25** sen speciala programo

**20-27 81a Universala Kongreso de Esperanto en Prago**

**29-30 Seminario: Fakvortoj kaj parolturnoj**
gvidas: *Benno Klehr*

**Solvo de enigmo 2/96**

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 R | 2 E | 3 Ĝ | 4 O | 5 M | 6 A | 7 K | 8 A | 9 K | 10 O |
| 11 A | V | I | D | E | 12 M | O | M | O | 13 N |
| 14 C | I | R | 15 A | D | A | M | O | 16 L | I |
| 17 I | T | A | L | I | 18 R | E | 19 N | E | 20 D |
| 21 D | E | F | I | C | I | T | O | 22 R | E |
| 23 A | N | A | S | 24 I | L | 25 A | R | 26 U | V |
| 27 E | 28 D | U | K | N | I | V | E | L | O |
| 29 R | A | K | O | 30 O | D | O | N | A | T |

## GEFA

*Germana Esperantista Fervojista Asocio* havas **renkontiĝojn** en domo de la Germana Fervojo en Altona, kutime – ne ĉiam – la duan Sabaton monate.
Oni renkontiĝas je la 10a horo antaŭ la "Vojaĝ-Centro" (Reisezentrum) en la fervoja stacio de Hamburg-Altona. Gastoj estas bonvenaj!
Informoj: Klaus Böhnke, Tel. 0451-45326.

# Seminario en Hamburg

Ankaŭ ĉi-jare okazos semajnfinaj seminarioj en la Esperanto-Domo, Klaus-Groth-Straße 95. Ĉiam Sabate 14–17 h kaj Dimanĉe 10–16 h. Dimanĉe okazos komuna tagmanĝo (inkluziva).

**Dato: 29a kaj 30a de Junio 1996**
**Temo: Parolturnoj kaj Fakvortoj el ĉiutaga vivo**
— Kiom da scienceco sufiĉas kaj kiom da precizeco necesas en traduko. — gvidas Benno Klehr — *DM* 60

# 1a Hansa Esperanto-tago en Bäk

De la 19a ĝis la 21a de Aprilo 1996 en la *Christophorus-Haus* en *Bäk ĉe Ratzeburg* kunvenis ĉirkaŭ 100 Esperantistoj el Germanio, Danlando, Pollando, Estonio kaj eĉ el Usono.
En belega domo, kun belega vetero, okazis prelegoj pri la Hansa historio kaj nuntempa situacio, Platdiĉa lingvo kaj PeKoTeKo; krome jarkunvenoj de Danoj kaj SHELO kaj estrarkunsido de GEA.
Sabate vespere kantisto prezentis Germanajn kantojn el pasintaj jarcentoj, juna Pola kantistino kantis en Esperanto kaj la Hamburgaj *Haringoj Salitaj* prezentis skeĉon kaj kantojn.
Dimanĉe, post rondirado en la malnova urbocentro, multaj partoprenantoj finis la renkontiĝon per ŝipa rondveturo sur la lago de Ratzeburg, dum kiu okazis la tagmanĝo.
Entute la Renkontiĝo estis bone organizita kaj sukcese pasis.
**Laŭdon al la organizintoj!** BK

# 4a Balt-Mara Turisma Renkontiĝo 23a ĝis 25a de Aŭgusto en Stralsund

El la programo:
- Vojaĝo al la insulo Usedom
- Vizito de spac-vojaĝa muzeo en Peenemünde
- Urborigardo en Greifswald
- Urborigardo en Stralsund laŭ deziro
- aŭ vizito de marmuzeo
- aŭ promenado laŭ la marbordo
- vespere amuza programo

Loĝado:
- en loĝdomo de Germana Fervojo (ne luksa, sed malmultekoste)
- aŭ en hotelo kie oni mem rezervis ĉambron